# VERDA UTOPIO



SRO. C. MACUDA

Kuracisto, Delegito de U.E.A.,
kaj Kunlaboranto de nia Revuo.

———*———



DECEMBRO 1920

OSAKA, JAPANUJO

**ENHAVO:** La Degenerado de Superregantoj——Al Celo! ——La Knabo Trodorlotita——La Viando kaj la Terpomoj——Pri la 11a Ekspozicio de la Imperia Belarta Akademio——Teo——Plimultiĝo de Malriĉuloj——El Redakcio——Korespondа Fako.



## TARIFO DE L'REKLAMO DE "VERDA UTOPIO"

| | Unu Enpresaĵo | 6 Enpresaĵoj, ĈIU | 12 Enpresaĵoj, ĈIU |
|---|---|---|---|
| PLENA PAĜO... | ¥ 20.0 | ¥ 15.0 | ¥ 10.0 |
| ½ DA PAĜO...... | —— 12.0 | —— 9.0 | —— 6.0 |
| ⅓ ——— ...... | —— 8.0 | —— 6.0 | —— 4.0 |
| ¼ ——— ...... | —— 6.0 | —— 4.0 | —— 3.0 |

ANONCETO: UNU LINIO ¥0. 40. RABATO DA
10% POR 3 ENPRESOJ
KAJ 25% POR 12 ENPRESOJ. ANTAŬA PAGO.

# VERDA UTOPIO

INTERNACIA REVUO ESPERANTA

ADMINISTRACIO KAJ REDAKCIO: "VERDA UTOPIO" 5265, UEHOMMAĈI 7-ĈOME, MINAMI-KU, OSAKA, JAPANUJO.

ABONO: Jare *En* 3.00 (aŭ 33 Resp. Kuponoj); Duonjare *En* 1.50 (aŭ 17 Resp. Kup.) Helpabono: Jare almenaŭ *En* 5.00 (aŭ 55 Resp. Kup.) Konto ĉe Kajima Banko, Osaka.

VOL. 1 DECEMBRO 1920 NO. 6


## La Degenerado de Superregantoj

Krestaĵoj, kiuj kreskas en trofruktdona kampo degeneras. Tio havas kaŭzon en tio, ke la kreskaĵoj trovas nenion ĉirkaŭ si konkuri.

Tiu ĉi natura leĝo nedisputeble ludas ankaŭ en socia historio de la homaro. En kiu ajn epoko superregantoj pereis kaj pereas efemere kaj mallongvive kiel sonĝo.

Tamen, estas sendube, ke la homoj estas pli alte progresintaj vivaĵoj ol la kreskaĵoj. Interne de spirito de la homestaĵoj arde flamiĝadas forta konscio de batalo kaj ŝprucadas senmorta sento ami bonon. Malgraŭ tio, kial la homestaĵoj estas regataj de tiu leĝo same kiel la kreskaĵoj, kiuj ne posedas animon? Honestdire, tio havas kaŭzon en tio, ke la superregantoj en iu ajn tempo estis kaj estas krudaj homoj kiel la kreskaĵoj kaj ili ne estis kaj estas la homoj, kiuj reprezentas la homaron mem.

La degenerado de la superregantoj en la mondo fariĝas materialo de komedio kaj de tragedio. Eĉ se ili tiel malaperas kiel matena roso, tamen neniam nia koro batas dolore.

Ni varmege kaj sopireme atendas aperon de vere homaranaj superregantoj.

Trad. KOFO.

# Al Celo!

Sub verda standardo al paca labor'
Ni iras, regnanoj de mondo,
Esper' en rigardo, espero en kor';
Ni ĉiuj laboros kun pen', kun fervor',
Laboros amika en rondo.

Senhalte, senlace ni iras al cel',
Kun ĝojo, kun luma rigardo.
Se iam per nuboj kovriĝos ĉiel' —
Ni kredas, ke ree ekbrilos verdstel',
Pli alte leviĝos standardo.

De fina triumf' proksimiĝas jam hor',
Jam baldaŭ al celo ni venos,
Feliĉon al mond' nia donos labor',
Kaj miros homaro je nia fervor',
Kun ĝojo en koro nin benos.

Ni iras senlace, nin gvidas Esper'
Kaj vojon lumigas verdstelo.
Jam baldaŭ ekregos feliĉo sur ter',
Foriros malĝojo, foriros mizer',
Sennuba fariĝos ĉielo.

Forgesos homar' pri malam', pri malpac',
Pri sanga forgesos batalo;
Kuraĝe — do, fratoj, antaŭen, sen lac'!
Ni iru al regno de lumo, de pac',
Al regno de Am' — idealo!.........

Georgo Deŝkin.
(El. "Versajoj)

# La Knabo Trodorlotita

De Soseki Nacume.

(Daŭrigo)

Oni min kondukis en ĉambron tre malhelan, kiu troviĝas sub la ŝtuparo......... Estas neeble noktiĝi en tiel sufokiga ĉambro!......... Kiam mi atentigis al tiu, kiu portis miajn valizojn, ke mi tute ne ŝatas ĉi tiun ĉambron, li bedaŭresprime diris al mi, ke por momento la aliaj ĉiuj estas okupitaj, kaj, enĵetinte maldelikate miajn valizojn, li deiris. Ĉar mi ne povis helpi min, mi eniris en la ĉambron, kie, ŝvitante je tuta korpo, mi pacience travivis la premantan varmon. Post iom da tempo oni min vokis al bano, mi min ĵetis en la banujon kaj tuj mi elsaltis. En reveno de la banejo, ŝtelrigardante dekstren kaj maldekstren, mi trovis multe da ĉambroj neokupitaj, kiuj al mi ŝajnis aerumaj. Ho, senhontemuloj! ili min mensogis!......... Poste kelnerinoj alportis mian vespermanĝon. Kvankam la varmego en la ĉambro premegis min, tamen la manĝaĵo estis pli bongusta ol tiu en la pensiono en Tokio. La kelnerino, servanta al mi, demandis al mi, de kie mi venis. Mi respondis al ŝi, ke mi venis de Tokio. "Ĉu estas vere, ke Tokio estas belega urbo?," ŝi demandis al mi denove. "Sendube," mi respondis al ŝi. Ĝusttempe, kiam la kelnerino, post forporto je mia manĝilaro, iris al la kuirejo, granda eksplodo de ridego aŭdiĝis, sed eĉ tio ne estis inde min maltrankviligi, mi kuŝis en la lito tuj. Tamen mi ne povis endormi, ne nur pro la premanta varmo, sed pro ke estis tro brua ĉirkaŭ mi: kvinoble bruega ol en la pensiono.

Fine, mi tamen falis en dormeton kaj sonĝis pri Kijo. Kijo manĝas troavide "Ame'on"(1) de Eĉigo, envolvitan en la folioj de bambuo kaj tiujn foliojn ŝi kune manĝis ankaŭ. Mi diris al ŝi, ke ŝi ne manĝu tiujn foliojn tial ke ŝi malsaniĝos......... "Ne," ŝi respondis al mi, "kontraŭe, ĉi tiuj folioj de la bambuo estas tre sanigaj." Kaj ŝi daŭrigis kontentigi sian apetiton. Kiam, malfermante larĝe buŝon pro la mirego, mi ridegis, mi vekiĝis......... La servistinoj estis en malfermado je "Amado"(2)......... La ĉielo estis bele hela kaj plene klara.

Ofte mi aŭdis, ke, kiam oni vojaĝas, oni devas doni gratifikacion, ke, se ne, oni devas esti negasteme akceptita. Povas esti, mi pensis, ke oni min enĵetis en tiel malhelan kaj malgrandan ĉambron, pro ke mi ne donis la gratifikacion! Videble, pro ke mi estas mizere vestita kaj mi havas nur du mizerajn valizojn kaj ombrelon el atlaso. Hm, kamparanaĉoj! vi kuraĝis malestimi min; sendube, vi pensis, ke mi havas nur moneretojn en poŝo! Nu, mi donu la gratifikacion, por ke oni estu surprize konsternigita! Kvankam ŝajnas malriĉa, tamen mi forlasis Tokion kun tridek *En'oj* en la poŝo, kiujn mi ŝparis el mia studkosto. Dekalkurante el tiu sumo la vojaĝpagon kaj aliajn diversajn elspezojn, en la poŝo ankoraŭ restas proksimume dekkvar *En'oj*. La tutan mi povas doni al ili, ĉar mi ricevos de nuna monato salajron ĉiumonate. Ĉar la kamparanoj estas avaremaj, certe ili svenus de mirego, se mi donus al ili nur kvin *En'ojn*.

(Daŭrigota)

Trad. el Japana Lingvo
K. Fukuta.

(1) Gelatenaĵo el hordeoj
(2) Ŝovfermilo de la fenestro ĉe japana domo.
(3) Japana mono, samvarola kun unu Sm.

Rim. de la Traduk.

# La Viando kaj la Terpomoj

De Doppo Kunikida

(Daŭrigo)

— Nu, tio estas interesa afero. Forlogite de fervoreco de la interparolado, ni alvenis paroli sian opinion pri homa vivo. Oni atente aŭskultu oratoraĵojn plenajn je elstareco, kiuj elfluadas kvazaŭ el fonto neelĉerpebla.

— Ne, ne, mi jam eldiris preskaŭ ĉion, kion mi volis diri. Vi estas ne kompatinda filistro kiel ni, sed vera filozofo, tial ni volus havi la honoron aŭskulti vian opinion pri la demando. Nu, tio ĉi estas deca, ĉu ne, sinjoroj?, diris Kamimura, volante forŝoviĝi.

— Mi tre deziras aŭskulti vin, diris Okamoto, kiu eltrinkis per unu tiro sian glason de viskio.

— Mia opinio, mi pensas, estas kontraŭa al tiu de Sro. Okamoto; unuvorte, la idealo kaj la realeco ne povas marŝi para — estas tute neeble ke ili akordiĝu.

— Tre bone! tre bone!, Iyama aplaŭdis lin.

— Se, efektive, ili ne akordiĝas, mia idealo estos prefere sin submeti al la realeco ol al la idealo.

— Nur tio?, en obtuza tono diris Okamoto, prenante en sian manon la duan glason.

— Ne estas bifsteko, tiel dirante Takeuĉi ridegis laŭte.

— Ne, ne, ĝi estas bifsteko, efektive ĝi estas bifsteko, aŭ, pli ĝustdire, stufaĵo.

— Do ĝi devas esti omleto!, serioze diris Macuki, la plej juna el la kunvenantoj, kun ruĝa vizaĝo kiel papriko kiu estis duondormanta silente isĝ nun.

— Ha, ha, ha........., ĉiuj kune ekridegis.

— Tio tute ne estas ridinda afero, malproksime de tie diris Kamimura, tute ekscitita.

— Laŭekzemple ĉio estas tia. Se ni devas sin submeti al la idealo, ni estas devigitaj manĝi nur terpomojn; ne, ni, povas esti, tute ne povas eĉ manĝi ilin plu. Sinjoroj, kiun el bovaĵo kaj terpomo vi prefere ŝatas?

— Mi ŝatas multe la bovaĵon, kun seriozmieno Macuki diris en dormema voĉo.

— Sed la terpomo ordinare estas aldonaĵo al la bifsteko, sinjoro kun vangharoj diris kvazaŭ nur li bone scias tion.

— Estas vere! La idealo estas aldonaĵo al la realeco. Se la terpomoj mankos al ni, tio estas granda embaraso por ni, diris Kamimura kontentmiene rigardante la vizaĝon de Okamoto.

— Ĉu ne estas vere, ke la terpomoj estas unu el ĉef-produktaĵoj en Hokkaido?, demandis trankvile Okamoto.

— Ĝuste estis tiuj terpomoj, pro kiuj mi multe suferadis. Sro. Takeuĉi bone scias, ke, kvankam mi ŝajnas tiel, mi estas malnova diplomito de Doĉuŝa. En tiu tempo mi ankaŭ estis unu el fervoraj protestantoj, alivorte, mi estis ĉefa ano de partio "Terpomo."

— Vi.........?, diris Ijama strangmiene malfermegante siajn okulojn, kies la palpebroj ŝajnis pezaj pro la dormemo.

— Neniam estas ridinde, ĉar mi estis ankoraŭ juna tiutempe. Mi ne scias, kioman aĝon havis Sro. Okamoto, mi tamen estis dudekdu jaraĝa, kiam mi finis la studon en Doĉuŝa. De tiu tempo jam dektri jaroj pasis for. Vere mi volus prezenti al vi, kiel mi tiutempe estis fervora kaj entuziasma ano de la partio: "Terpomo." Jam en la momento, kiam mi ankoraŭ estis ĉe la lernejo, aŭdinte rakonton pri Hokkaido, mi estis multe sopirema al tiu insulo. Ho! imagu, kiel mi estis puritano tiutempe.

— Tiam, kompreneble, vi faris fortan decidon forkuri en la landon de libereco, forlasinte ĉi tiu malpurigitan landon, kiu estas la centro de japanujo?, diris Okamoto, fikse rigardante la vizaĝon de Kamimura.

— Kaj poste, mi sufiĉe multe aŭdis detalaĵon pri Hokkaido. Kiam mi sciiĝis, ke iu el la protestantismaj misiistoj revenis el Hokkaido, tuj mi iris al tiu misiisto por aŭdi rakonton pri tiu insulo. Kaj ĉi tiu ankaŭ estis tro lerta fari al mi rakonton pri tiu insulo. Li rakontis al mi, ke la naturo tie estas lukse bela; aŭ, ke la riverego Iŝiƙari fluas majeste; aŭ, ke ĉiuloke kie la vido povas atingi, sin trovas nur arbarego post arbarego k. t. p. Mi tute estis blinde entuziasmigita de tiu pentraĵo, kaj des pli mi fariĝis sopirema al Hokkaido, mia promesita lando. Tute songante tion, kion oni rakontis al mi pri la lando de libereco, mi desegnis en mia kapo utopion tian: Antaŭ ĉio, je ŝvito ĉe mia frunto mi senarbigos virgan arbaron, plugos kaj tie semos ruĝajn fazeolojn..............

— Ho! kiel mi volus vidi tiun kamparanon tie!, diris Takeuĉi kaj ekridegis.

— Ne, sen ŝercmensogo, mi plenumis tion; pacience atendu, mi rakontos al vi pri tio iom post iom......... Iom post iom la arbaro ŝanĝiĝis bone plugita kampo. Grandparte mi kultulis la terpomjn, ĉar se oni posedus la terpomojn, oni ne devas suferi por ĉiutaga vivo.

— Jen denove komenciĝis rakonto de la terpomoj, kriis Macuki.

(Daŭrigota)

Tradukis el japana lingvo,
K. Verda.

---

Dum ankoraŭ estas ne finita
La rikolto de rizplantoj,
Jen la neĝ' komencis fali,
Malbenitaj, ho, la kamparanoj!

V. Kunitaro.

# Ĉefverko ĉe la IIa Belarta Ekspozicio arangîta de Imperia Belarta Akademio.



Somero, de S. Ito.

# Pri la 11ª Ekspozicio de la Imperia Belarta Akademio

Laŭ ĉiujara ekzemplo, ĉe Ueno parko en Tokio, tiu ĉi jare ankaŭ estis aranĝita la 11ª ekspozicio de l'imperia belarta akademio, kiu estas la posteulo de la ekspozicio de eduka departemento. Sed kiam oni pripenses pri tiu ĉi foja ekspozicio, al ni ŝajnas, ke pli bone sidas la nomo "La dekkelka ekspozicio de eduka departemento." Jam ne parolante pri la eŭropomaniera pentraĵo, en japana pentraĵo ankaŭ la sekretarioj ŝajne enfalis en anakronismon por elekti je l'cenzuristoj Sroj. Keiĉû Jamada, Ĉisei Takatori, Kjûho Noda, k. t. p., kiuj ĉiuj apartenas al la pentristoj de malnovamaniera japana pentraĵo, kvankam ili taŭge elektis la aliajn cenzulojn Srojn Ĵuppo Araki, Okoku Konoŝima, k.t.p. Kaj ĉu pro tio, ke multaj riproĉoj estis kontraŭ la troseverega elektado en la unua ekspozicio, tiu ĉi foje la nombro de l'elektita verkaĵo en la fako de la japana pentraĵo duobliĝis kontraŭ tiu de l'lasta jaro; malaltklasaj, malriĉaj, senkostaj verkaĵoj multege estas eksponitaj senheziteme kaj preskaŭ fiereme antaŭ vidantoj, kaj sekve ĝi ŝajnas al ni, ke la nivelo de l'eksponaĵoj ĝenerale malaltiĝis. Ke la senkostaj pro trodelikateco verkaĵoj de pentristinoj amase estas elektitaj, tio estas, kompreneble, strangega okazintaĵo post la inaŭgracio de l' belarta ekspozicio de l' eduka departemento.

Se kiam rimarkindaj verkaĵoj multege estas eksponitaj, niaj okuloj, kiuj estas malpurigitaj de malbonaj kaj senkostaj verkaĵoj, la okuloj jen estas memkonsolitaj de tia plezuro kiel oni eltrovus la oazon en la dezerto, kaj oni estus vigligata, sed bedaŭrinde tiu ĉifoje nur multegaj verkaĵoj enuigas kaj konfuzas la vidantojn, pro ke eminentaĵoj pres-

kaŭ ne sin trovas. La cenzuristoj aŭ pentristoj elektitaj voĉdone aŭ speciale sin metas en atomosfero ĉiame tro ordinara, krom Sroj Keigecu Kikuĉi, Kôho Hiroŝima, k.t.p., kaj ankaŭ flanke de elektitaj verkaĵoj, tia, kiom almontras verkaĵon nuancoplenan karakterfortan kaj de kiu la decido de posteulo akre estas aperigita, eĉ iom ne sin trovas. Multo da la pentristoj elektitaj uzas malgrandajn kanvasojn kaj palan koloron, malakran, maldensan, dekoraciecan, kaj kies celon klare la vidantoj travidas. Aŭ alie ili ankaŭ verkas malgrandajn verkaĵojn de vidaĵoj, floroj aŭ birdoj kiuj sin trovas en la lumo ekster domo (tio ĉi, kompreneble, estas, ke ili daŭrigas sian vanan penadon inter la malperfekteco de l' japana kolorilo daŭrigita kaj la nomo "la japana pentristo," kiu daŭrigadas ĉagrenplenan rilaton al la eŭropa pentraĵo, jam de antaŭ longe); la pentritaj de maniero de Jamatoe (unu maniero de pura japana pentraĵo) tremalmultiĝis, kaj kvankam la uzado de koloriloj pala aŭ verdega neniel malmultiĝis la lastan fojon, la uzmaniero tute ŝanĝiĝis (aŭstataŭ tio ke preskaŭ malaperis tiaj verkaĵoj al kiuj oni uzis multegajn kolorilojn, ne malmultiĝis tiaj verkaĵoj, kies la fundamento estas uzi la malmulton da kolorilo.)

(Daŭrigota)

El japana lingvo,

J. H.

---

Jen la neĝo falas
El ĉielo griza.
Se la rizoj ili estus,
Mi ne devus morti de malsato.

K. V.

# Teo

Oni preparas teon el la junaj folietoj de teoarbetoj. Kulturataj teoarbetoj en japanujo devenis de Ĥinujo en malproksimaj jaroj. Tamen, en japanujo diversloke kreskas sovaĝe teoarbetoj en montarbaroj kaj precipe en la suda parto de Kiuŝju. Kiam la alte starantaj arboj estis elhakitaj, la arbetoj plenĝuantaj la sunradiojn supren kreskas per sia tuta forto. Oni elprenas el ili junajn folietojn por esti preparata kiel teon. Sed la sovaĝajn arbetojn oni ne tiom multe utilas, kiom la kulturatajn.

La kulturmanieroj estas malsimilaj laŭ lokoj. En sud-provinco, kie sin ne trovas apud la fervojo "Teoĝardeno," oni plantas la arbetojn dise en la randoj de kampetoj ne zorgante pri sterkado kaj ĉirkaŭhakado. Oni tamen tie kolektas entute el ili sufiĉe grandan kvanton da la folietoj kaj tie eĉ kamparaj simpluloj ĝuas kompare bonkvalitan trinkaĵon. Oni tie pinĉe kolektas la folietojn en malfrua printempo nur unufojon jare. La soligitaj arbetoj estas duonsovaĝaj kaj spite tio kreskas tre bele.

En la provinco Sizuoka, kie la teoindustrio estas plej disvolvita, oni vidas multe da teoĝardenoj laŭlonge de la fervojo. Tieaj teoarbetaroj tute estas devigitaj kreski malalte sub arta premo, kaj nenia signo de la natura karaktero estas videbla. Tie oni donas multe da sterko kaj per ĉirkaŭhako ne allasas al ili altiĝi, kantraŭe devigas ilin elpuŝi kiel eble plej multe da branĉetoj, el kiuj oni facile povas pinĉpreni des pli da junaj bonaj folietoj. Tie oni per tre zorgplena kulturado elprenas la junajn folietojn tri aŭ kvar fojojn jare.

Japanoj estas teoamantoj; forprenu el ili teon, la vivado fariĝas al ili mizera. Ĝi estas neĥankebla ĉiutaga necesaĵo.

Estas multe da japanoj, kiuj ne fumas kaj ne drinkas, sed inter de infanoj ĝis maljunuloj sin trovas preskaŭ neniu, kiu ne trinkas teon multfoje ĉiutage. Kiam ajn oni akceptas hejme vizitanton aŭ vizitantojn, oni kutimas antaŭ ĉio ilin regali per teo.

La trinkata de japanoj ĝenerala teo estas la tiel nomata verda. La nigra aŭ ruĝa teo ankaŭ pli-malpli produktiĝas en japanujo, sed ĝi ne estas ankoraŭ populariĝinta. Ni trinkas la infuzaĵon per si mem ne aldononte al ĝi sukeron kaj lakton. Ni gustumas la veran puran guston kaj aromon de la verdteo. De la kutimo devenis la specialaj kultur-maniero de teoĝardeno en Uĵi, fama teoloko por la bon-kvalita teo. Tio estas "la ĝardeno sub la kovro." De 2-3 semajnoj antaŭ la disvolviĝo de novaj folietoj en printempo oni kovras la tutan ĝardenon per ŝnurete plektitaj kanoj, por ke la teoarbetoj kreskigu la plimolajn, plidolĉajn, pliaromajn junajn folietojn. El tiaj folietoj oni preparas tre bonan teon, kiun oni infuzas per akvo varmetigita la bolitan. Tiaspecan teon oni trinkas pomalgrande.

Oni ankaŭ preparas el la folietoj de la kovrita ĝardeno la tiel nomatan mueligan teon, kiu ne konsistas el volvigitaj teeroj sed el nevolvigitaj. Tion ĉi oni muelas kaj la pulvoron oni miksas kun bolakvo en granda taso; la miksaĵon oni kunskuadas per speciala ilo, por ke ĝi ŝaŭmiĝu. La ŝaŭmigi-tan miksajon, kies subtavolo estas freŝe verda pezeca suko, oni trinkas. Koncerne al uzmaniero de la muelteo ekzistas malsimpla sistemo, de kiu konado estas konsiderata kiel unu el la faktoroj de bonedukita knabino.

Ĉe japanoj teo estas necesa por ĉiutaga vivo kaj ankaŭ ludas nemalgravan rolon por arta afero.

T. Ŝigemacu (Kagoŝima)

## Plimultiĝo de malriĉuloj.

Antaŭ tri jaroj mi aŭskultis iun personon, ke malaktiveco de la ekonomia mondo havas kaŭzon en tio, ke rizkosto plikariĝas. Kaj frapas miajn orelojn nun la diroj, ke malplikariĝo de la rizkosto estas kaŭzo de la malaktiveco de la ekonomia mondo. Kiu el tiuj teorioj estos vero? Kompreneble, eĉ la rizo mem agreniĝos pri tio. Laŭ mia opinio la kaŭzo de la malaktiveco de la ekonomia mondo kuŝas tute alie. Rizaĵo en la mondo pligrandiĝas, kontraŭe malriĉuloj plimultiĝadas. Tio estas la kaŭzo.

Kvankam oni volus savi tiun malbonan staton de la ekonomia mondo tiamaniere, ke oni intencas kuraci intestotifulon, donante sanigaĵon por malariulo, neniam ĝi resaniĝos.

Trad. V. Kunitaro.

## El Redakcio

Sro. O. S. en Berlin (Germanujo). Koran dankon pro viaj kuraĝigaj vortoj samideanecplenaj.

Sro. D. B. en Vladivostok (Siberio) Koran dankon pro via amikecplena kritiko pri nia revuo.

## Koresponda Fako




大正十年九月五日印刷
大正十年九月十日發行

編輯兼發行人　大阪府泉北郡濱寺町字船尾七七九　福田國太郎
印刷人　阿部嘉市
大阪市西區京町堀通一丁目十六番地

振替貯金口座大阪五五六二九番
發行所　ヴェルダ・ウトピーオ社
大阪市南區上本町七丁目五二六五